JULJUSZ SŁOWACKI



# La Patro de Pestuloj
## en El-Arish

TRADUKIS

ANTONI GRABOWSKI





PARIS
PRESA ESPERANTISTA SOCIETO
33, RUE LACÉPÈDE, 33

1905

# LA PATRO DE PESTULOJ

## EN EL-ARISH

De Juljusz Słowacki

Por la klarigo de l'sekvanta poemo mi devas nepre diri kelkajn vortojn pri la kvaranteno en la dezerto, inter Egiptujo kaj Palestino, proksime de l'urbeto El-Ariŝ.

Tio estas stranga elpensaĵo de Mohamed-Ali, ke inter siaj du regnoj li signis per penso sur la vaga sablo la limon, kaj, sub puno de l' glavo, devigis la liberajn Beduenojn dismetadi en tiu ĉi loko la tendojn kaj vivi dekkelk' tagojn sub l' observado de l' gardistaro kaj de l' doktoro ; alie do el Egiptujo ili ne povas atingi Sirujon.

Vojaĝante sur kamelo mi devis subiĝi al simila sorto. Post ok tagoj de vojo mi alvenis el Kairo sur malgajan sablan valon, por loĝi tie tra dekdu tagoj. Komence mi ne povis kompreni, kiel loko dezerta, sen ia domo, loko plenblovigita per vaga sablo, povis esti submetata al homa leĝo, sed la glavo de l' *baŝa* ŝajnis pendi en la lazura ĉielo, super la kapoj de miaj gvidantoj, Araboj, ĉar, alveninte sur la valon de l' kvaranteno, ili tuj igis ekgenui la kamelojn, kaj en iliaj nigraj vizaĝoj estis videbla la profunda submetiĝo de homoj liberaj sub la leĝon de l' terura homo.

Alvenis la doktoro el la urbeto El-Ariŝ. Tio ĉi estis la unua urbeto, kiun, post la elveturo el Kairo, mi ekvidis el malproksime ; kaj la doktoro estis la unua homo renkontita. Sinjoro Steble, tiel nomiĝis tiu kuracisto, elmigrinto itala, edziĝinta antaŭ nelonge je fraŭlino Malagamba, glora en l'Oriento belulino, pri kiu Lamartine rakontadas kun tia

entuziasmo, penis tuj fari mian restadon sub la malkovrita ĉielo, kiel eble plej oportunan. Li eldonis el la tenejo kelkajn tendojn por nia vojaĝa areto ; kaj, kiel mi poste eksciis, la manetoj de lia edzino malleviĝis en la blankan kaj arĝentan farunon, por ke la pano eŭropa al mi ne manku.

Dismetiĝinte sub la tendo, mi komencis kutimi al la malgaja vidaĵo, kiu min ĉirkaŭis. Iom pli malproksime, riveto, seka preskaŭ ĝis la fundo, tranĉadis la sablan valon kaj iris al la maro, — post la rivereto estis griza rubando de palmaj arbaroj ; de la nordo la blua skarpo de l'maro Mezotera disbatiĝas je la sablo kaj plenigas per malgaja murmurado de l'ondoj la trankvilan aeron super la dezerto. Kaj apud la maro, sur piramida sabla tombaĵo, brilis per sia blanka kupolo la malgranda tomba monumento de l'*ŝeĥo ;* terura, ĉar tie, en ĝiaj kavoj oni kuŝigadis la mortintojn je la pesto ; kaj ĝia arĥitekturo kaj la flaveta blankeco donadis al ĝi la ŝajnon de skeleto. El aliaj flankoj estis videblaj la sablaj montetoj kaj sur ili la tendoj de l'gardistaro, kaj la observantaj la kvarantenon gardistoj en akrakoloraj orientaj vestaĵoj ; kaj en la mezo de l'ebenaĵo estis kvazaŭ sabla konusego, el kiu la muezino anoncadis per laŭta voĉo la grandecon de Dio, matene, vespere kaj nokte.

Ĉiujn ĉi pentraĵojn la leganto trovos en la sekvanta rakonto ; kaj ili montriĝos al li en la ĝusta lumo, ĉar li ekvidos ilin tra homaj larmoj. Kio koncernas min, mi komencis kutimi al mia tendo kaj plaĉis al mi la mallaŭteco de l'sabla stepo kaj la bruado de l'maro, al kies bordoj mi povis iradi, preninte kun mi unu el la kvarantenaj gardistoj.

En l'antaŭvespero de l'Kristnasko (1836 j.), kiam el tiu ĉi trankvila dezerto miaj pensoj forflugis ĝis mia malproksima patrujo kaj al tiuj tagoj, kiujn mi antaŭe pasigadis festenante en la familia rondo, terura fulmotondraĵo, alblovigita per ventego el la maro Ruĝa sur la Mezoteran, ekkrakis dum la nokto kaj verŝiĝis per pluvo da tondroj sur mian

tendon, malproksiman de la homoj. En la koron, malgajan kaj elpensiĝintan pri la hejma lando, komencis eniri malrapide la teruriĝo. La tendo, bruanta de la ventego kaj de la pluvoj, ŝanceliĝadis super mi, kaj ruĝigita de la fulmoj, ŝajnis esti fajra kerubo gardanta la liton sendorman. La ventego estingis al mi la kandelon kaj la malseka meĉo ne volis ree ekbruliĝi. Vanaj estus tie ĉi la priskriboj, ĉar signita per biblia grandeco estis tiu ĉi fulmotondra vetero en la dezerto. Anhelli *) pensis, ke jam venis la ventego, kiu lin forblovos el la tero kaj portos en landaĵon silentan.

Pasis tamen tiu ĉi sendorma nokto de l'teruro, kaj kiam, je l'mateno, mi eliris el la tendo, feraj nuboj kovradis la ĉielon kaj pluveto malgajigis la aeron. Sed ne tie ĉi estis la fino de la teruroj ; la kriego de la Araboj sciigis min pri nova danĝero : tiu rivereto, kie hieraŭ apenaŭ fadeno da akvo trasorbiĝadis tra la sabla lito, estis ŝvelinta per la nokto pluvego, kaj per arĝentaj naĝiloj ĝi rekte kuris disruliĝi en la ebenaĵo, sur kiu staris niaj tendoj ; apenaŭ kelkaj minutoj restis por la saviĝo ; kun helpo de la Araboj ni forportis niajn tendojn sur la plej proksiman sablan altaĵon, kaj tuj post ni venis la akvo por plenigi tiujn sablajn ringegojn, kiuj, kiel postsignoj de niaj elŝiritaj domoj, restis sur la ebenaĵo.

Malvarmiĝinta kaj malluma mi rigardis el la altaĵo la triumfon de tiu ĉi mizera rivereto, kaj rigardante tiel, mi eksentis strangan impreson. Sen tegmento, sen fajro, sen nutraĵo, suferinte kvazaŭ maran sur tero ŝiporompon, mi tamen ne povis turni min al la proksima urbeto, kie estis homoj, nek peti, ke oni min akceptu sub ian tegmenton kaj sidigu ĉe la gasta fajrujo. Kaj povis veni teruraj fulmotondroj, povis fine aliri la maro kaj dronigi la altaĵon, sur kiu mi staris ; kaj ĉion ĉi oni devis elteni per propraj fortoj,

*) Heroo de tiel same nomata poemo de Słowacki.

savi sin aŭ perei sub la okuloj de la homoj, kiuj ektuŝi min kaj mian vestaron, nek havis permeson, nek kuraĝis.

Ellumiĝis fine la ĉielo, kaj mi, instruite de l'sperto, dismetis la tendon jam ne en la valo, sed sur la plej alta monteto, kaj venis tagoj bonveteraj, mallaŭtaj, forfluantaj trankvile en la dezerto.

Mia dragomano, Soliman, glora kaj fanfaronema pro tio, ke li estis iam la tradukisto de Champolion, Roselini, Fresnal kaj multaj aliaj, rakontadis al mi pri siaj malnovaj sinjoroj diversajn malgrandajn detalojn de ilia vojaĝo, kaj certe ankaŭ pri mi kolektadis provizon de malgrandaj observoj, per kiuj li amuzos la venontajn migrulojn. Kaj vespere, sidiĝinte apud la eniro al la tendo, tiu ĉi bela Arabo, kun longa barbo, lumigate per la luno enrigardanta inter la tolojn, kantis al mi strofojn el poemoj arabaj, kies nekomprenata sono kaj malgaja melodio, luladis min al la dormo. Kaj tiam eble min Anĝelo kovradis per la mantelo de l'kavaliro de Solima kaj signis per ruĝa kruco sur la brusto ; kaj tiun ĉi Arabon li transformadis en armilportiston, kantantan malĝojajn kantojn el la hejma lando.

Sed jam sufiĉe pri tiu ĉi mistera sonĝo de mia vivo, pri tiu ĉi ora stepo kaj la tendo, kie mi havis momentojn trankvilajn ; kie vekiĝante, tra la malfermita tolo, miaj okuloj renkontadis la stelaron de l'Oriono, tiel similan al stela liuto, pendigita de Dio super la mizera tendo de vaga Polo. Sufiĉe pri tiu ĉi trankvila semajno de l'vivo — ĝi pasis.

Miaj kameloj ree ekgenuis antaŭ mi kaj leviĝis kun la miditema pilgrimo, eltirante la longajn, al serpentoj similajn, kolojn, en la direkto de l'tomba monumento de Kristo. Kaj kiam mi estis farinta jam horon da vojo orienten, mi turnis min sur la selo, por ekrigardi ankoraŭ unu fojon sur mian verdan tendon; mi ekvidis ĝin sur la monteto kaj ŝajnis al mi, ke ĝi mem eliris sur la altaĵon por adiaŭdiri al mi. Kaj ĉu la homoj, pakante la vestaron, aŭ ĉu la tendo

mem, ne sentante en si loĝanton, elŝiris kelkajn palisetojn el la sablo kaj per flugilo svingis post mi, montrante al mi sian sinon nigran kaj malplenan : mi forturnis min de tiu ĉi ajo, kiu havis koron disŝiritan pro mi. Kaj baldaŭ komencis montriĝadi sur la sablo la blankaj lilioj, anoncante, ke mi proksimiĝas al pli fruktodona landaĵo, kaj mi ekpensis ke, turninte la okulojn sur la samajn florojn, Kristo parolis al siaj lernantoj, ke ili ne zorgu pri morgaŭ kaj pri la aferoj de tiu ĉi mondo, rigardante la liliojn, kiujn vestas Dio.

*

Jen estas la priskribo de l'kvaranteno, kiun mi pasigis sur la dezerto ; multe pli malbonan travivis tiu maljunulo rakontanta siajn malfeliĉojn en la sekvanta poemo. La historio de liaj doloroj ne estas tute elpensita ; ĝin rakontis al mi doktoro Steble, al kiu pro ĝi, kiel ankaŭ pro la pano kaj afableco por mi, mi dankus tie ĉi, se mi scius, ke tiuj ĉi kelkaj esprimoj trovos lin en la dezerto. Sed kio estas por li la rememoro en nekomprenebla lingvo, kaj eldirita per voĉo, kiu apenaŭ tiel vastiĝas, kiel la rondoj sur la akvo post ŝtono en ĝin ĵetita !



# LA PATRO DE PESTULOJ

## EN EL-ARISH

Trifoje l'ora luno aliiĝis,
De kiam mi sur sablo metis tendojn.
L'edzin' suĉigis nian infaneton ;
Krom l'infanet', tri filoj, tri filinoj,
La familio tuta, nun en tero,
Kun mi alvenis. Naŭ' da dromaderoj
Matene iris sur la sabl'-montetojn,
Nutriĝi per ĉemara herb' kalama ;
Vespere — tie ĉi kuŝiĝis krone,
La fajro kie longe jam ne brulas.
En kruĉoj akvon portis la filinoj,
La fajron filoj miaj bruligadis ;
L'edzino, kun filet' ĉe l' brust', kuiris.
Nun ĉio estas — kie tombo jena
Al la radia suno reridetas.
Sub kupolet de l' ŝeĥo kuŝas ĉio.
Kaj mi revenas sola ! — Ho, doloro !
Centjarojn travivinte tri kvardekojn,
De kiam en la tolan mian korton
Dum kvaranten' eniris pest'-anĝelo.

Ho ! kiu povas koni la doloron,
Kiela nun en mia kor' fermiĝas !
Libanon mi revenas, mian domon, —
En mia korto l'oranĝuj' sovaĝa
Demandos : maljunul' ! kie l'infanoj ? —
En kort' floretoj de filinoj miaj

Demandos : maljunul' ! kie filinoj ?
Kaj la nubetoj bluaj sur Libano.
Demandos pri la filoj, pri l'edzino,
Pri mia infanar' — enterigita
Jen, sub terura monument' de l' ŝeĥo. —
Kaj tiel ĉiuj eĥoj min demandos,
Kaj ĉiuj homoj, pri reven' en sano,
Demandos min. — Mi kion do respondos ? !

Mi venis. Tendon mi sur sablo metis.
Kameloj miaj sen bruet' kuŝiĝis ;
L'infano, kiel anĝelet' pentrita,
Paserojn nutris ; la birdetoj manĝis,
Venante preskaŭ al manet' infana.
Vi vidas en la val' la rivereton ?
De ĝi revenis juna plej knabino,
Kun kruĉ' sur kapo, rekta kiel kano.
Al fajro venis ŝi kaj per la akvo,
Ridante, iom surgutigis fratojn.
La plej maljuna, — kun okul' flamanta
Leviĝis, kruĉon kaptis en la manojn,
Kaj diris : l'akvon Dio mem vin pagos,
Mi trinkos kiel hund', pro l' fajr' en brusto !
Dirinte, l'akvon el la kruĉ' eltrinkis
Kaj tuj falegis, kiel palm' rompita.
Lin savi mi alkuris — tro malfrue.
Fratinoj volis kisi lin malvivan.
Mi, kun freneza krio : « Ne kuraĝu ! »
Kadavron kaptis, ĵetis al gardistoj,
Ke prenu lin sur la portilojn ferajn
Kaj enterigu lin ĉe la pestuloj.
De tiu nokt' doloroplena, oni
Destinis al mi novajn tagojn kvardek.

La saman nokton Hafne kaj Amina,
Kuŝante apud si sur lito, mortis.
Mallaŭte tiel jen mortadis ambaŭ ! —
Ke, kvankam post la morto de la filo
Al dorm' okuloj miaj ne fermiĝis,
Mi ne ekaŭdis kiel mortis ambaŭ !
Kaj eĉ patrino propra ne ekaŭdis,
Ĉi tiun nokton ne dorminta ankaŭ.
Matene ambaŭ ilin, fero-bluajn,
Filinojn miajn, pesto-mortigitajn,
El tend' mi per gardistoj eltrenigis.
Kaj ili nin forlasis ! — senrevene !
Kaj dece al plenkreskaj virgulinoj
Per haroj teron al gepatr' balais.

Vi vidas sunon en ĉiel' lazura ?
Post la palmaro ĉiam ĝi leviĝas,
Subiras ĉiam post la sablo monto ;
Sen nub'-makuloj ĉiam la ĉielo :
Kaj al mi ŝajnis tiam, iakaŭze,
Ke l'ora sun' al si jam ne egalas ;
Kaj jam ne estas suno hieraŭa,
Sed ĝi similas al vampiro-suno.
Kaj la ĉielo, kiu vidis perdon
De la naskitaj miaj tri infanoj,
Ekŝajnis al mi nebulega, dika,
De ter'-vaporoj kaj purpuro suna —
Ke mi ne sciis, ĉu la preĝ' alflugos
Al Dio, kiu kovris sin per nubo.

Dek tagoj tiel pasis, malrapide ;
La rest' infana vivis — ĉiuj kvar.

L'edzino havis koron pli malpezan,
Eĉ infaneto mia, plej malgranda,
Ĝi vivis, per floret' ne volis velki.
Kaj fine mi komencis mem respiri,
Ĉar mi ne kredis, ke preninte tri,
Infanojn ĉiujn prenos al mi Dio! —

Ho! tio estis hor' infera! kiam
Mi, sur vizaĝo de plej juna filo,
Ekvidis morton! Kiel mi lin gardis! —
Aperis sur vizaĝ' signet' unua —
Neniu vidus — mi, la patr', ekvidis;
Simila fariĝadis li al tiu
Kadavro mia unuanaskita:
El hela — pala, el la pala — ruĝa.
Mi vidas! — sur vizaĝ' mil fer'-makuloj,
Do laŭte mi ekkriis: « Mort' en tendo! »
Kaj lin kun tiaj leproj ekkaptinte,
Elportis stepon inter la kamelojn,
Ke tie lin la morto reste mordu,
Kaj tion ne rigardu . . . la patrino.

Ĉe la mortant' maldormis ni proksime,
Mi kun kameloj — ĉiuj sur genuoj.
Mi rompis manojn kaj vokadis laŭte:
Ne mortu li! aŭ estu ne naskita!
Kaj super palmoj, senkompat'-vizaĝa,
Leviĝis pala lun', dum fil' mortadis,
Kaj ĝi rigardis! — Ĝin mi ne forgesos!
Kiele povis tiu lun' rigardi?
Mortinton en ekpremo mia patra
Mi volis tuj cindrigi en fajrujo:

Sed kiam fajr' ekkuris sur vestaĵo,
Mi kaptis lin kaj ĵetis al la gardo.
Enterigistoj nigraj lin forportis —
Li kuŝu ĉe la frato, ĉe l' fratinoj !
De tiu morto kaj doloro, oni
Al mi destinis novajn tagojn kvardek.

Sub rond' de l' suno, kiel sango, ruĝa,
Kaj sub la tendo, la enpestigita,
Ni vivis, vorton al ni ne dirante,
Kaj morton antaŭ morto mem pretekstis ;
Eble ni Dion trompos en ĉielo, —
Eble l'idolo pesta renversiĝos. —
Revenis ! — La Anĝelo-mortiganto !
Sed trovis min, sen larmoj kaj sen koro,
Por freŝaj la doloroj jam svenintan,
Dirantan jam : ke Dio prenu ĉion !
Por la sufer' de l' tria fil' mi havis
Sen larm' palpebrojn kaj el ŝtono koron.
Dolor' jam estis pano ĉiutaga ;
Kaj sub okuloj mortis mia mezo,
Amata malplej en rond' familia,
Post mort', plorata malplej el infanoj.
Kaj tial Dio mem lin rekompencis
Per lia mort' kvieta kaj glacia ;
Sen iaj ajn doloroj, sen deliroj,
Li mortis, rigidiĝis kiel ŝtono.
Kaj tiel li terure elrigardis,
Kvazaŭ jam niajn larmojn ne postulus,
Sed premi volus nur vizaĝon sian
En korojn sen kompat' ; per vid' terura,
Eterne resti en memor' gepatra,
Kun la vizaĝ' vokanta : — malbenitaj ! —

Li mortis. Nun mi pensis malespere :
Se al la resto Dio ne pardonos,
Se Li pro ili sendos mort'-Anĝelon,
L'infanon prenos — la edzinon — ankaŭ
Min, malfeliĉan, vokos la Kreinto, —
Filin' ! — Pri ŝi mi pensi ne kuraĝis !
Pri ŝi timego ia min ne mordis.
Ŝi estis tiel juna, tiel bela !
Kaj gaja, kiam ŝi al mi la kapon
Per la liliaj manoj malvarmigis ; —
Aŭ el la silk' ĉenaĵon preparinte,
Sur herbo ĉirkaŭ cedro ŝi kuradis,
Kaj teksis, araneo laborema !
Jen ! tiun zonon mian, hel-brilantan,
Ŝi faris — kaj malgajajn ĉi-okulojn
Per la plektaĵoj de harligoj oraj
Ŝi tiel kovris, ke mi ŝin rigardis
Tra miaj larmoj kiel rozon, sunon.
Ŝi estis la estrin' de mia domo !
Ŝi, kiel helaj defendant'-anĝeloj
La infaneton gardis en lulilo —
Kaj kuris, kie ploron ian aŭdis ;
Sort'-batojn niajn ŝi priploris ĉiujn,
Kaj ĉiujn larmojn — sur la harojn prenis.
Dek tagoj pasis, dek tre longaj noktoj,
Ke mort' jam povis flugi for sur stelojn.
Dek tagoj pasis, noktoj dek aliaj —
Al mi l'espero jam komencis lumi —
La plor' patrina pro l'infanoj ĉesis,
Kaj ni kalkulis jam matenojn tridek.
En fin', perdinte forton kaj memoron
Mi min kuŝigis kaj en nokt' ekdormis.
Dum sonĝ', vinditajn en malpezajn nubojn,
Ekvidis mi mortintajn du filinojn.

Tenante sin per manoj venis ambaŭ ;
Kaj, salutinte min per tomb'-trankvilo,
Brilantaj per okul' mallaŭta, iris
Viziti la dormantojn en la tendo.
Mallaŭte, malrapide kliniĝadis
Ĉe l' lito de l' patrin', infan'-lulilo ;
Kaj poste sur plej junan knabineton
Kuŝigis ambaŭ la fer'-bluajn manojn !
Kun krio mi vekiĝas, mort'-infanojn
Malbenas kaj sovaĝe vokas : « Hatfe mia ! »
Ŝi venis, bird' mallaŭta, sur tapiŝo,
Ĵetiĝis mian kolon per manetoj ;
Mi konvinkiĝis do, ke Hatfe vivas,
Ĉar batis ŝia kor' sur mia koro.
Sed morgaŭ venis tondro min ekbati —
Filin' ! ! ! — Sed kial kun dolor' larĝiĝi ?
Kaj ŝin severa mort' al mi elŝiris !
Kaj ĉi filin' sur miaj manoj mortis !
Momento estis plej terura, kiam
Doloroj mortigantaj ŝin turmentis ;
Ŝi vokis : — « Savu min ! ho, savu, patro ! »
Kaj havis tiam la buŝeton ruĝan
Kiele juna roz' diskliniĝanta,
Kaj tiel mortis tiu knabineto,
Ke mia kor' ŝiriĝis en kvaronojn —
Ŝi estis bela Anĝelet' — post morto !

Pro mi, malfeliĉulo, venis plori
Gardistoj, kaj forpreni tiun korpon ;
Sengarde ĝin ekkroĉis per la hoko —
La hok' sur bruston falis rondan, blankan, —
Ĉi tie — kiel mi, ne mortu ili ! —
Antaŭ okuloj miaj ŝin disŝiris.

Ĉiela Di', memoru ĝin al ili !
Mi prenis ŝin — kaj portis mem al tombo.

Kun manoj krucigitaj sur la brusto
Tri tagojn sidis la patrin' senmova
En tend'-angul', ŝi flava kiel ligna ;
L'infan' fariĝis pala kaj plorema,
Ĉar lakto de l' patrin' eksekiĝadis ;
La ploro nun aŭdiĝis en lulilo.
Sinjor' — infanojn vi en tomb' ne havas ! —
Al vi alie ŝajnas la dezerto,
Orbrila eble, hela kaj ĝojeca ?
Por mi ĝi estas ebenaĵ' infera !
Tra l'ebenaĵo, tiu sabla, oni
Kadavrojn tiris de infanoj miaj.
Kaj sur monteto, kien batas maro —
Por vi la maro bruas — por mi muĝas ;
Sur bordojn kiam ĝi kun vent' ne saltas,
Por vi murmuras mar' — por mi ĝi ploras.
En la vespera horo, ĉiutage,
Kantantan mi aŭdadis muezinon :
La sorton mian kvazaŭ kompatante,
Per voĉo pli malgaja li anoncis,
Kriante el la sabla konusego
Al malfeliĉa patr' — grandecon Dian.
Ho ! estu do al mi laŭdata Allaĥ !
Per bru' de l' flam', vilaĝojn bruliganta,
Per trem' de l' tero, renversanta urbojn —
Per pest', infanojn miajn ekstermanta,
Prenanta filojn el patrina sino.
Ho ! Allaĥ ! Akbar Allaĥ ! estas granda !

Vizaĝon homan ĉio nur havanta
Komencis min eviti malproksime.
De mia tend' — ŝpinita de filinoj —
La toloj pro la ros' nigriĝis, velkis,
Ŝiriĝis, kaj, streĉitaj nur iome,
Similis al putraĵ' el homaj ĉerkoj.
La pest' videbla estis sur la tendo.
Vi scias ? eĉ de paseretoj aroj,
Ĉi tien kunflugintaj ĉe l' tagiĝo,
Restetojn manĝi, bani sin en sablo,
De kiam idoj miaj malpliiĝis,
Pro l' manĝo ĉesis ĉiuj kunflugadi.
Ĉu ilin fortimigis tol' ŝirita
De mia tendo ? ĉu vizaĝo mia ? —
Eĉ unu el birdetoj ne alflugis.
Mi tion ĉi ekvidis — kaj malĝojis.

Post la filin' tri tagojn — Dio mia !
La mar' vespere jam komencis muĝi !
Sin kaŝis la malgaja rond' de l' suno,
Kaj nigraj nuboj kovris la ĉielon.
Alvenis nokt' terura, memoriĝa,
Malluma, de l'ruĝec' de tondroj, hela.
Hodiaŭ eĉ mi sentas kaj mi vidas
Kaj aŭdas : densaj pluvoj vipas tendon ,
Ĝi kiel distiriĝas, surde bruas,
Sin super mi balancas en mallumo,
Kaj de la fulmoj tuta ĝi ruĝiĝas,
Simila al satana tombo flama.
Mi aŭdis, kvazaŭ, krom fulmtondraj krakoj,
Malvivajn la infanojn post la tendo,
Ĝemantajn ĉiujn terurige — surde ! —
Mi streĉis aŭdon, koron kaj orelon,

Kaj kun terur' meditis, kiel fartas
En tomb' infanoj miaj dum ĉi nokto ?

Subite — Kial morto la perfida,
Mallaŭte tiel sub tend'-velojn venis ?
La tondroj krake falis — kaj subite
Mallaŭte en lulil' l'infan' ekploris —
La plor' esprimo estis do terura —
Ĉar tuj — patrin' kaj mi — ni ambaŭ kune
Ekkuris al vermeto la mizera ;
La ĝem' infana, kvankam tre mallaŭta,
Laŭtega tiel al ni ambaŭ ŝajnis,
Ŝiranta tiel kaj malĝoja tiel
El internaĵ' profunda elprenita !
Prudenta tiel ! tiel malbenita ! ! !
Ke ambaŭ kuris ni, trafitaj tondre,
Kaj sen espere jam ? Kaj sen konscio !

Kaj nin ne trompis l'antaŭsent' funebra !
Ĝi mortis — je malsano de l'aliaj,
Foriris kuŝi inter frat'-kadavroj,
Plej kara mia ! — kaj la lasta mia ! ! !
La nigra mort' lin prenis senkompate.
Li nek revenos nek al mi plenkreskos !
Nek mia domo iam lin revidos !
Ho ! malesper' ! ! ! — neniam li revenos !

Alvenis dua nokt', per steloj brila ;
Ni estis kun patrin' en tend' — antaŭ ni
Sur tablo kuŝis l'infanet' malviva,
Per senmovec' de l' morto — teruriga.

Mi tiam, rigardante ĝin, eksentis,
Ke, se ĝi povus tiel kun ni resti,
Tra ĉiuj jaroj, — tiel nur almenaŭ —
Duona malesper' el kor' foriĝus.
Kaj ĝin — ne portis jam la pest'-gvardistoj,
Nek mi al la kapel' de l' ŝeĥo, kie
Kadavra pord' al mi malfermiĝadis ;
Sed la patrino mem ĝin portis tien.

Mi restis kun l'edzin' en tend' malplena ;
Ĉu vi komprenos ? — nin, anstataŭ ligi,
Dolor' al ambaŭ disŝirinte sinon
En korojn gutis iajn venenaĵojn,
Nun eble ilin Dio mem purigos.
Malgajo estis al malam' simila,
Kaj nigra, granda inter ni ekstaris.
Ni disigitaj estis do, kaj solaj ;
Kaj inter ni eĉ vorton ne parolis —
Ĉar kia povis esti parolado ?
En tend' malplena inter ni, geedzoj
Kaj la gepatroj de infanoj tiuj ? —
La suno, dum varmeg', leviĝis ruĝe,
Dronadis tie, kie nun ĝi lumas,
Simila al fajrera torĉ' de brulo !
Kaj ĉiu tag' al seninfanaj tia — ;
La tendon granda mallaŭtec' plenigis.
Trakuris eble ia mus' en luno ;
Nenia ĝemo aŭ bruet' alia.
Kaj tiel kvardek tagoj al ni pasis,
De l' kvaranten' alvenis kuracistoj,
Profunde rigardante nin malĝojajn.
Mi vidis kiel ilin ni mirigis :
Ĉar mi al ter' kliniĝis kaj griziĝis.

Kaj pro maldorm', ĉagren', edzino mia
Similis al sukcen' aŭ flava vakso :
Ŝi havis sur la kap' harkronon grizan,
Teruran ian brik'koloran ruĝon,
Okulojn tiel brilajn, kiel homoj
El mallumej' venintaj sur la sunon.
L'artikojn kuracist' ekbati igis,
Kie la pest' unuajn formas krustojn
Mi estis sana. — Homoj ! ĉu vi kredos ?
Mi, kiu kisis ĉiujn sep kadavrojn,
El tiu kvaranten' eliris sana ! —
L'edzino, — eĉ duonon ne tuŝinta,
Batinte sian bruston, ekpaliĝis,
Kaj ŝanceliĝis kaj kun ĝemo falis.
Sur manojn prenis mi l'edzin' kadavron,
En tendon portis — kaj, ĵetinte ŝarĝon,
Senviva kvazaŭ, apud ŝi ekfalis,
Kaj revekiĝis mi — por tagoj kvardek. —

Mortante, la patrin' al mi konfesis,
Ke volis ŝi el tomb' de l'infaneto
Por rememoro ŝtonon aŭ floreton,
Hareton en orringoj sur la kapo ;
Jen memoraĵo post l'infan' mortinta —
La pentraĵet' ! ĝin tenis la manetoj,
Ĉi orharetoj, sanktaj nune, estis
De l' kapo etula en tombet' prenitaj —
Ĉar la patrin' mizera havis, forton
Elfosi l'infaneton dum meznokto —
Ŝi trovis ĝin ankoraŭ ne putrintan ;
Kaj kisis la koralojn de l' buŝeto
Kaj ree en kadavrajn vindojn metis . . .
La memoraĵoj kaj ĉi tiu kiso,

Ŝtelitaj al envia ter' de l' ŝeĥo,
Mortigis la patrinon kaj l'edzinon.

Kaj malfermiĝis sabla sino, kie
Mortul'-patrinon mortan mi terigis.
Al tola kavo poste mi revenis,
En ombr' kaŝiĝi, kiel noktaj monstroj.
Nek mi la sunon sur ĉiel' arkaĵo,
Nek min la homoj vidis sur la stepo.
Mi infaniĝis kiel maljunuloj : —
En la memor' nenia viv' vizaĝo,
Nur tiuj bluaj kaj teruraj vangoj,
Al mi de l' pesta morto forprenitaj !
Dum hela tago kaj malluma nokto
Kun mi en tiu tendo estis ili.
Kun ili mi parolis, elmeditis
Interparolojn kun la tomb'-anaro,
Kaj ofte trafis mi per strang'-okazo
Sur voĉon ĝustan de infanoj miaj.
Dum noktoj vekis min, el sonĝ' freneza,
Terura ĝem'-blekado de hienoj,
Kaj pala mi aŭskultis kiel ploras
Pro la kadavroj la kadavr'-manĝuloj.
Mi similiĝis al serpent' frostiĝa —
Kaj mi pasigis tagojn kaj semajnojn
Sen rememor', doloroj kaj deliroj ;
Kiele ŝton' malmola kaj malvarma.
Kaj fojon ! — Dia super mi zorgado !
Mallaŭte iu enrigardas tendon —
Ho ! — Ĝi ne estis jam vizaĝo homa,
Sed kapo de kamel' mia maljuna.
Ĝi min rigardis . . . tiel kompateme,
Ke mi ekploris laŭinfane, laŭte.

Malĝojajn kvardek tagojn mi travivis;
Min liberigi venis fine homoj.
Maldolĉa, ho! liber', forflug'-momento!
Mi al malluma tendo jam kutimis;
Kun sento de malĝoj', dolor', teruro
Elŝiros mi palisojn, ŝnurojn, kiujn —
Eterna Dio! — en ĉi tiun sablon
Mi enpuŝadis kune kun l'infanoj.
Ho! helpu ilin ŝiri — al mi, sola!
Kaj eble al vi per malgaja bruo
Pli da dolor' rakontos tiuj toloj?
Ĉar ili vidis ĉion! ĉion scias!
Ĉu ne similas al turment'-figuroj?
Rigardu ilin, tuŝu kaj ne timu
La peston, morton kun ektuŝ' ferblua...
Vi, filo, ja ne estas mia filo.
Sed ne — forkuru! Ĉar ĉi tiuj toloj
Teruraj ŝajni devas al fremduloj.
La mort' de l' pesto! ho! jen mort' kruela!
La proprajn fratojn vi jam ne rekonas,
La fajr' bruligas vin, la brusto flamas...
Mi tiel vidis miajn ok mortantojn!
Kaj ĉiutage morton rigardante
Mi tie ĉi pasigis tri monatojn.
Hodiaŭ — jen vojaĝaj naŭ kameloj,
Sur ili — vidu — ok malplenaj ŝarĝoj,
Nenio al mi restis nun — krom Dio;
Kaj tie miaj tomboj — jen la vojo!



